III Jaro. ★ XXVII Num.

★ Marto.—1919 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-:
:-: :-: :-: de "Zamenhofa
kaj Andaluzia Federacioj„



F-INO MARIA JULIVERT

Entuziasma kaj sperta propagandistino kiu de antaŭ kelkaj jaroj sukcese gvidas kursojn por fraŭlinoj en Vendrell

# IA KARULO

Li estas bela.

Bruna vizaĝo, nigraj okuloj, eta nazeto, kaj ruĝaj lipoj formas vivantan portreton kiu, kiel perfekta pentraĵo, ne bezonas orartan kadron por ĝin beligi, tial sendube liaj haroj, kvankam belaj, estas nek blondaj nek frizitaj.

Mi amegas lin pasie, kaj malbonaĵo farita al li mi tion ne povas eĉ imagi.

Mi benas la tagon kaj la sunon ĉar ĝia lumigo plenĝojigas lian koron; mi koleriĝas kontraŭ la mallumo ĉar ĝi ĉagrenas mian karulon.

Kiam sidante sur miaj genuoj li delikate min karesas, ŝajnas al mi kvazaŭ du flugiloj de pentrita papilio tuŝetantaj miajn vangojn.

Liaj kisoj estas dolĉaj kaj puraj, kaj similaj je la printempa suno, ili ne bruligas.

Rigardante lin mi ĝuas pasintajn tempojn kaj mi revas pri la estonteco.

Li estas mia konsolo en miaj malĝojaj horoj kaj en la horoj de feliĉo li pligrandias ilin.

Li estas mia iluzio, li estas mia amo, li estas la reĝo de mia koro, li... li estas ci, ho mia kara kaj tre amata kvinjara neveto!

*María Julivert*

Vendrell - 1919.

---

# JOZEFAJ LAŬDOJ

Ĉasta Jozefo, ĉiam rememoru,
Ke de la tempo, kiam vi naskiĝis,
Ia veninte, por ke vin honoru,
Sen via helpo ne de vi foriĝis.

Vi, kiu estas de Di' la nutristo,
Dipatrinedzo, kaj mia Patrono,
Mian preĝadon montru al Savisto,
Mia ŝirmilo estu via trono.

Mi, konfidplena je via potenco,
Al vi alvenas kanti vian gloron,
Kaj viajn virtojn, jen mia komenco,
Ĉiuj anĝeloj formu kun mi ĥoron.

Tial ke vi unue Lin adoris,
Viglis, karesis; kiun Di' amegas,
Tial ke Lin tutkore vi honoris,
Mi vin nun laŭdas, mi vin prikantegas.

Vi tre zorgeme la Dian infanon
Zorgis, kaj savis Lian vivon Dian;
Elaĉetinto kisis vian manon,
Tial mi laŭdas gloran agon vian.

Estis favore de la ĉefanĝelo
Ofte benata vi, kaj instruata,
De l' Paraninfo sankta de l' ĉielo,
Tial de mi vi nun estas laŭdata.

En viaj brakoj portis la Savinton,
Lin ĉirkaŭprenis kontraŭ via koro
Vi, kaj pro tio mi tian gvidinton
Per ĉiam laŭdos, ho glora honoro!...

Per viaj manoj vi laboris,
Kiu la mondon kreis ja per vorto,
Tial ke li la zorgemecon gloris
Mia Zorganto estu ĝis la morto.

Vi, tridek jarojn en Dia lernejo,
Havis Jezuon, kiel instruanto,
Vi min ricevu en la metiejo,
Mi deziregas esti kunlernanto.

Dipatrinedzo, ho glora justulo,
Sola vi estas inde elektita,
Ĉiu honoro de la Potenculo
Al vi samtempe estas aldonita.

Vin obeadis la Dinaskintino,
Vi de Jezuo estis amegata,
Vin Di' elektis por la Virgulino,
Por ke de vi ŝi estus protektata.

Por esti estro de la familio
Plej adorinda, Dio vin honoras,
Benas, kaj gardas, ho glora lilio!...
En la ĉielo, tial mi vin gloras.

Vi estas sankta pli, ol la sanktuloj,
De ĉiuj virtoj estas posedanto,
Vi estas virga pli ol lo virguloj,
De mia koro estu Protektanto.

Faru min ĉasta, virta kaj humila,
Fervora, danka, obeema, pia,
Pro via amo mi restu trankvila,
Je Di' estu plena animo mia.

Kiam alvenos la lastaj momentoj,
Vi min ĉirkaŭu kun anĝela ĥoro,
Vi min fortigu per la Sakramentoj,
Vi min alportu al eterna gloro.

*Pastro Mariano Mojado.*

# La Harpo

La sekretario vivis ankoraŭ kun sia juna edzineto en printempaj, brilaĵetaj la tagoj. Nek konsideroj, nek efmera inklino kunigis ilin; sed arda kaj longatempe pruvita amo estis la bazo por ilia interligo. Jam frue ekkonis unu la alian, tamen prokrasto de Selnera ofico devigis ilin ankoraŭ prokrasti la edziĝon. Fine ricevis Selnero sian patenton kaj sekvantan dimanĉon li kondukis sian fidelan knabinon kiel edzinon en la novan loĝejon. Post longaj tagoj de salutoj kaj familiaj festoj, ili fine povis ĝui belajn vesperojn, ne ĝenataj de iu tria, en konfida soleco. Planoj pri estonta vivmaniero, Selnera fluto kaj Jozefina harpo plenigis la horojn, kiuj tro mallongaj forpasis por la geamantoj, kaj la profunda harmonio estis gaja antaŭ signo pri postaj tagoj.

Vespero ili jam de longe ĝuis la muzikon; kiam Jozefino ekkomencis plendi pri kapdoloro. Ŝi kaŝis al sia zorgema edzo atakon matenan, kaj unue sensignifa febro kreskis tiom plu per muzikentuziasmo kaj sentostreĉado, ĉar ŝi jam de juneco suferis nervomalfortecon. Ŝi kaŝis ĝin ne plu antaŭ sia edzo, kaj timemo vokigis Selnero kuraciston. Li alvenis, pritraktis la aferon kiel bagatelon, kaj promesis por morgaŭ tutan resaniĝon. Sed post maltrankvilega nokto, kie ŝi senĉese fantaziis, la kuracisto trovis la malfeliĉan Jozefinon en tia farto, kiu havis ĉiujn sintomojn de grava nerva febro. Li aplikis ĉiujn perilojn, sed Jozefino pli malsaniĝis ĉiutage. Selnero estis malesperata, la naŭan tagon sentis Jozefino mem ke sia malforta nervsistemo ne povis pli longe suferadi tiun malsanon, la kuracisto diris ĝin antaŭe al Selnero. Ŝi suspektis sian lastan horon alvenínta, kaj ŝi atendis sian sorton, «Kara Eduardo» ŝi diris al sia edzo dum ŝi lastfoje premis lin al sia brusto, «kun profunda melankolio mi disiĝas de tiu ĉi bela tero, kie mi trovis vin kaj superan feliĉegon apud via koro; sed se mi ne rajtas esti pli longe en viaj brakoj, tamen vin ĉirkaŭflugetos Jozefina spirito kiel fidela genio ĝis ni supre nin revidos». Kiam ŝi elparolis tion, ŝi malleviĝis kaj dolĉe transdormetiĝis. Ĝi estis ĉirkaŭ la naŭa vesperhoro.

Oni ne povas eldiri kiom Selnero suferadis, longe li batalis kontraŭ la vivo, la doloro detruis lian sanon, kaj kvankam li post kelkesemajna malsankuŝejo ree leviĝis, tamen en siaj artikoj ne estis junecforto, li falis en pezan malgajecon, kaj videble velkis. Profunda melankolio anstataŭis la malesperon, kaj silenta doloro kuracis la rememorojn pri la amatino. Li lasis Jozefinan ĉambron en la sama stato kiel ĝi estis antaŭ ŝia morto. Ankoraŭ kuŝis laborobjektoj sur la kudrotablo, kaj la harpo staris kvieta kaj ne palpita en la angulo.

Ĉiu vespere pilgrimis Selnero en tiun sanktejon de sia amo, li kunprenis sian fluton, apogis sin kiel en sia feliĉa tempo sur la fenestron, kaj spiradis en malgajajn sonojn sian sopiradon por la amata ombro.

Iam li staris en Jozefina ĉambro perdita en siaj fantazioj. Hela luna nokto blovetis lin de malfermita fenestro, kaj de proksima kastelturo gardisto kriis la naŭan horon, jen eksonoris la sonoj, de la harpo kiel tuŝita de mallaŭta spirita spirado. Mirinde surprizita li silentigis sian fluton, kaj kune silentis la harpa sonorado. Li nun ekludis kun profunda tremo la plej amitan kanton de Jozefino, kaj ĉiam pli laŭte kaj pli forte sonoradis la kordoj laŭ melodio, kaj en harmonio supera teksiĝis la sonoj. Tiam li falis en ĝoja frosttremo sur la teron kaj

etendis la brakojn por ĉirkaŭpreni la karan ombron, kaj subite li sentis sin kiel spirita de varma printempa aero, kaj pala brileta lumo forflugis antaŭ li. Arde entuziasma li ekkriis: «Mi rekonas vin, sankta ombro de mia finita Jozefino, vi promesis min ĉirkaŭflugeti per via amo, vi plenumis vian vorton: mi sentas la spiradon, la kisojn sur miaj lipoj, mi sentas min ĉirkaŭbrakata de via transfiguracio.» En intima feliĉego li reprenis la fluton kaj la harpa sono ree sonoradis, sed ĉiam pli mallaŭte, ĝis kiam ĝia murmuro finiĝis per longaj akordoj.

Selnera tuta viva forto estis potence ekscitita tiun vesperon per la spiritsaluto; malkvieta li ĵetis sin sur la liton kaj dum liaj varmegaj sonĝoj vokis lin la murmureto de la harpo. Malfrue kaj tro laca pro la noktaj fantazioj li vekiĝis, li sentis sian korpon mirinde ekkaptita, kaj humoro estis vivanta en li, antaŭsento pri baldaŭa solvo kiu signifis venko de l' animo sur la korpo, kun senfina sopirado li atendis la vesperon kaj pasigis ĝin kun kredanta espero en Jozefina ĉambro.

Li sukcesis sin luli per sia fluto en silentaj revoj, kiam la naŭa horo batis kaj apenaŭ eltremis la lasta bato, tiam ree la harpo ekkomencis murmuri mallaŭte, ĝis kiam ĝi fine sonoradis en plenaj akordoj, kiam la fluto silentis tuj mutiĝis la spiritsonoj; pala brileta luno forflugis ankaŭ hodiaŭ antaŭ li, kaj pro feliĉeĝo li nur povis elparoli sekvantajn vortojn: «Jozefino, Jozefino, prenu min apud vian fidelan bruston.» Ankaŭ tiun ĉi fojon adiaŭis la harpo per mallaŭtaj sonoj, ĝis kiam ĝia murmureto finiĝis, per longaj, tremantaj akordoj.

Pli atakita pro la vespera okazintaĵo ol la unua fojo, Selnero ŝanceliĝis ree en sian ĉambron. La fidela servisto ektimis pro la mieno de sia Sinjoro, kaj malgraŭ malpermeso li forkuris ĉe la kuraciston, kiu samtempe estis Selnera amiko, tiu ĉi trovis lin en granda febra atako, kun samaj tiamaj sintomoj kiel Jozefino, sed multe pli forta. Tra la nokto multe pligrandiĝis la febro dum li senĉese fantaziis pri Jozefino kaj la harpo. Matene li estis pri trankvila, ĉar la batalo jam forpasis, kaj li ĉiam pli klare sentis la solvon, kvankam la kuracisto nenion volis scii pri tio. La malsanulo klarigis al la amiko tion kio ambaŭ noktojn okazis, kaj neniu kontraŭdiro de tiu malvarma, klera homo povis deflankigi lin de lia opinio. Vespero revenis, li fariĝis pli laca, kaj fine li per tremanta voĉo petis ke oni lin konduku en Jozefinan ĉambron. Tiel okazis. Kun senfina ĝojeco li rigardis ĉirkaŭe, li ankoraŭ salutis tiun belan rememoron per silentaj larmoj, kaj li parolis konvinkita pri la naŭa horo kiel pri la tempo de sia morto. La decida momento alproksimiĝis; li ordonis ĉiujn foriri, eĉ la kuraciston, kiu persistis nepre restadi. Tiam ekbatis la naŭa horo malakre de la kastelturo, kaj Selnera mieno heliĝis. Ankoraŭ profunda movo ardis sur la pala vizaĝo «Jozefino» li ekkriis kiel ekkaptita de Dio. «Jozefino, salutu min ankoraŭ fojon, ĉe la disigo, ke mi sciu vin proksima kaj tiel mi venku la morton per via amo.»

Tiam la kordoj sonoradis kun helaj akordoj kiel venkkantoj, kaj ĉirkaŭ la mortanto blovis brileta lumo. «Mi venas, mi venas» li diris, malleviĝis kaj batalis kun la vivo. Ĉiam pli mallaŭte kaj pli mallaŭte sonoradis la harpaj tonoj. Ankoraŭ Selnero ĵetis potence lastan korpan forton, kaj kiam finiĝis, la kordoj de la harpo saltis kiel disŝiritaj de spirita mano.

La kuracisto tremis, li fermis la okulojn al la ĵus mortinto, kiu malgraŭ la batalo kuŝis kiel en kvieta dormeto, kaj emociita forlasis la domon. Longe li ne povis forpeli de sia koro la memoron pri tiu horo, kaj profundan sileton li lasis disponi pri lastaj momentoj de sia amiko, ĝis kiam li en pli libera humoro rakontis al kelkaj amikoj la okazintaĵon de tiu nokto kaj samtempe montris la harpon kiun li propriĝis kiel heredaĵo de la mortinto.

El germana originalo de

THEODOR KOERNER

Tradukis: *Felikso Diez.*



PROVINCA HOSPITALO.—KORTO KAJ PREĜEJO.—SEVILLA

# VENDRELL

Bela vilaĝo kun proksimume 6.000 loĝantoj. Kuŝas apud la bordo de la Mediteraneo meze de fruktodona kamparo ĉarma.

Ĝia industrio, komerco kaj agrikulturo estas grava, precipe tiu-ĉi lasta alprenas la ĉefan lokon.

Granda fonto da riĉeco estas la vino nomata «Baix Penadés» speciala produktaĵo el tiu-ĉi regiono.

La plej belaj kvartaloj estas San Salvador kaj Comarruga. Agrablaj someraj restadejoj apudmaraj kun grandaj banejoj kaj mirindaj konstruaĵoj novstilaj.

Ĉio kio signifas progreso knj kulturo enradikiĝas en tiu ĉi urbo, pro tio Esperanto posedas multenombraj fervoruloj, entuziasmaj batalantoj de nia idealo.

«El Vendrellense» kaj «El Baix Penadés» spertaj enurbaj gazetoj malfermas siajn paĝojn al Esperanto, kaj propagandas ĝin senĉese.

La tuta loĝantaro estas ankaŭ favora al nia afero, pro tio ĉiuj aktoj kaj festoj organizitaj de FRATECO ĉiam atingas grandegan sukceson.

Vere la humila naskiĝurbeto de la tutmonfama poeto kaj komediisto Angel Guimerá, aŭtoro de «Tierra Baja» (Suda Tero), kaj de la tutmonda eminenta koncertisto de violonĉelo Pablo Casals, ne povas resti indiferenta al la kreitaĵo de nia glora Majstro D-ro Zamenhof.

*Francisco Quilart*

---

Hispana Esperantisto havas honoron aperigi fotografaĵojn de entuziasmaj gezamenhofanoj el Vendrell kaj verkojn iliajn, kaj ni esperas, ke same faros tiuj de aliaj urboj. Ni dankos tutkore ilin kiel dankas Vendrellanojn.

# IDILIO

I

Sur la vasta maro
trankvila, kvieta,
l'ondoj tien iras
kaj tien ĉi venas,
murmurante pace
la bruon eternan.
La vento ne blovas,
estas nokto serena.

II

Apud de la maro,
fraŭlinet' direktas
semnovajn l'okulojn
en la mar' grandegan:
kantas ian kanton
eterne belegan;
la kanto de l' amo
ĉiam sama estas.

III

Sonas ŝia voĉo,
alia ripetas,
estaj' nekonata
kantanta ĝi estas.
Troviĝas sur maro
ŝipeto beleta;
ĝentila maristo
dum kantas li remas.

IV

L'ondoj tien iras
kaj tien ĉi venas,
la barkon lulante;
fraŭlino amema
aŭdanta l'amanton,
kaj eĉ la dolĉegan
kanton akompanas,
kant' el esper' plena!

V

Ŝovas la maristo
la barkon freneza;
ĝi alproksimiĝas,
al bordo sin ĵetas
ĝentila maristo
kaj ĝin piedpremas;
fraŭlin' altrenata
fortege sin sentas.

VI

«—Foriru, ni, amo...
Lazura bark' estas,
venu tra la maro,
ĉar ĝi nin atendas!»
La mar' estas granda,
la nokto serena,
la barko rapide
la supraĵon fendas;
kaj tien gi iras,
tra la mar' revema,
kies ondoj ilin
lulas kaj karesas.

VII

For, mar' kaj ĉielo
sin kisas kaj premas,
kaj en horizonton
la bark' malaperas,
en kiun la vento
la barkon entrenas.
Pri voj' kaj temp', amo
neniam atentas!

VIII

La ĝojo de l'amo
kiel dolĉa estas
se oni ĝin ĝuas
sur maro vastega,
tre for el la tero,
sub kupol' ĉiela,
maro kaj ĉielo
kiuj bluaj estas!

IX

Por ĉiam foriris!
Estas tio ebla!
La vento ne blovas,
estas nokt' serena,
kaj sur vasta maro,
trankvila, kvieta,
l'ondoj tien iras
kaj tien ĉi venas!

*M. Pugés*

El kataluna lingvo tradukis,
*María Julivert*

# LA BRASIKOJ

Petro kaj Jozefo estas laboristoj kaj bonaj kamaradoj. Iam, promenante, ili pasis apud vendejo en kiu estis tre grandaj brasikoj.

—Rigardu—diris Jozefo—kiajn grandajn brasikoĵn; neniam mi vidis similajn.

—Tio ne estas rimarkinda—respondis Petro, kiu estis tro mensogema—en mia lando kreskas brasikoj fojojn tiel grandaj kiel tiu domo.

—Ha! Vi trograndigas ĉion iomete, sed mi rememoras ke iam mi laboris en fabriko en kiu estis kaldronoj tiel grandaj kiel la urba preĝejo.

—Kaj por kio taŭgas tiaj kaldronoj?

—Tuj vi ĝin komprenos: por kuiri la brasikojn kreskantajn en via lando.

El kataluna lingvo tradukis,
*Ramón Bassa*

# Historio de Esperanto en Vendrell

**1909.**—Fondo de Esperanta Grupo «Frateco». Malfermo de la unuaj kursoj de Esperanto.

**1910.**—Komenco de la propagando pere de la lokaj gazetoj. Niaj samideanoj vizitas la







S-ro Carlos Solé



S-ro Jaime Javé





S-ro Salvador Esvertit





S-ro Ramón Bassa



grupon «Laboro Esperanta» de Villanueva y Geltrú.

**1911.**—Ekaperas en la gazeto «El Baix Penadés» ĉiusemajna Esperanta Rubriko. Propaganda akto ĉe «Orfeon Vendrellense» kun partopreno de samideanoj el Tarragono. Lunĉo je la honoro de tarragonaj samideanoj.

**1912.**—Nia grupo ekpartoprenas la ĉiujarajn kongresojn de «Kataluna Esperantista Federacio». Grava esperanta festo en la salono de «Orfeon Vendrellense». Inaŭguracio de la esperantaj kursoj por fraŭlinoj.

**1913.**—En kataluna gazeto enurba aperas artikolo esperante redaktita. Bicikleta ekskurso al la grupo «Laboro kaj Kulturo» el Calafell. Esperantaj banderoloj flirtas sur ĉiu bicikleto. Dekok bicikletistoj partoprenas la ekskurson.

**1914.**—Dissendo da flugfoliojn instigante al la lernado de Esperanto. Belakolorita lumbildo pendas ĉe nia societo anoncante kursojn. Sin prezentas al nia grupo rusa samideano.

**1915.**—Nia societo translokiĝas al Placo Pi y Margall, 14. U. E. A. elektas Oficialan Delegiton en nia urbo.

**1916.**—Grava esperanta parolado en la Teatro Tivoli kun granda sukceso. Gluitaj en la stratmuroj aperas afiŝoj anoncante kursojn por ambaŭ seksoj.

**1917.**—«Zamenhofa Federacio» elektas en nia urbo Oficialan Delegiton. III.ª Kongreso de Esperanta Ekspozicio en la societo Club de Esports. Nekrologia akto je la honoro de D-ro Zamenhof. Parolado de S-ro Aguade ĉe la Centro Industrial pri la temo «Internacia lingvo teorie kaj praktike».

**1918.**—Literatura-Muzika-Artistika Vesperfesto Bonfara en la salono Tivoli kun ĉeesto de Liaj Moŝtaj Aŭtoritatuloj. La grupanoj prezentis la komedion «Vivu Esperanto». Danka komunikajo de Lia Moŝta Urbestraro al nia Grupo. Nia komitato ĉeestas nekrologian manifestacion kun nia verda standardo. Vizitas nia societo kelkaj barcelonaj samideanoj. Sukcese oni klarigas la kursojn en nia grupo por ambaŭ seksoj.—*G.*

# Esperanto kaj Naturismo

Kun plezuro mi rimarkis, legante la lastajn numerojn da tiu ĉi gazeto, ke kelkaj kunlaborantoj estas naturistoj. S-roj Jozefo Roig kaj Nicomedes Ullar entuziasme verkis pri Naturismo, kaj mi demandas: Kial ni ne efectivigas la proponon de S-ro Ullar?

Mi opinias ke nia kara Direktoro ne baros la aferon, ĉar la internaj ideoj de Esperanto kaj Naturismo estas samaj: ili estas laboradi por atingi la feliĉon de la homaro; tial ni devas propagandi samtempe ambaŭ aferojn.

Sinjoroj Roig, Ullar, Linares, Serrano Olmo kaj aliaj esperantnaturistoj parolu.

Mi proponas al ĉiuj mian modestan helpon.

*Rogelio Luque Díaz*

# LA ŜTONEGO DE LA MAŬRO

*(Daŭrigo)*

II.ª

Estas apud kaj iom supren la kapeleto de la *Virgulino de la Valo*, preskaŭ je la sama direkto kaj meze la elmontritaj ŝtonegoj, ŝtonego precipe altiranta la atenton. Pli granda ol ĉiuj kiuj ĝin cirkaŭas, metita sur larĝa granita platajo, kiun la mano de l' homo kavigis je granda amplekso por fosi ĉe ĝi larĝan tombon en kiun gardi la korpon de unu el ĝiaj similuloj, kiu, nedube, ne volis esti enterigota ĉe la tero, por ke la piedbatoj de la homoj, resonantaj sur lia tombo, ne malkvietigu la trankvilecon de lia eterna ripozo.

Oni opiniis diversmaniere pri la origino de tiu ĉi tombo, kaj estas kiu certigas ke ĝi gardis la restajojn de romano el la unuaj kiuj perfortregis Hispanion; ankaŭ iu opinias esti ankoraŭ pli antikva, kaj supozi estis keltano ĝia unua loĝanto; kelkaj volas serĉi fundamentojn ĉe la antaŭhistoriaj



«HUMILIĜEJO» ANTIKVA PREĜEJO DE LA XIII JARCENTO
ĈIRKAŬAĴOJ DE SEVILLA

epokoj. La loĝantaro, tamen, havas alian ideon, alian opinion, kaj nomas ĝin la *Ŝtonego de l' Maŭro*.

Multfoje la nokto trovis min tie, kaj ŝajnis al mi vidi ĉe la lunradioj, kiuj falis sur ĝin, figuron naĝante netuŝeble ĉe la spaco kaj sin ampleksigante ĉe la fendo de la ŝtonego; sed la afero restis nesolvebla por mi, kaj ĉiam stare, kiel sfinkso, mia scivolemo. Tagon, fine, mi demandis al la loĝantaro, kaj ĝi, kiel ĉiam, respondis al mi: «Jen la legendo».

III

Dum la jaro 1083.ª de la kristana tempkalkulo, la reĝo de Toledo estis *Jahia Alkadir Billah*, filo de *Al-Mamun*, kiun la kristanaj kronikoj nomis la *gastemulo* pro la bonkora akcepto per kiu li gastigis *Alfonso'n VI.an*, kiam forkuranta el la monaĥejo de Karrion, kie li estis malliberigita de sia frato *Sanĉo*, venis serĉi rifuĝejon ĉe Toledo, kie plori ĉagrene pro l' malvenko de Golpeĥar.

Malmultajn jarojn poste, la tiama forkurinto estis proklamata reĝo de Kastiljio, Galicio kaj Leonlando pro la morto de sia frato *Sanĉo*, kaj tuj sieĝis Toledon, pagante per la plej granda nedankemo la favorojn kiujn li ŝuldis al la toleda monarĥo; avarema kunigi la kronon de Toledo kun tiu kiun surportis sia kapo.

Vane *Jahia* vojaĝigis kurierojn en la tendaron de sia malamiko por rememorigi al li la tempon kiam ili estis pli ol amikoj, kiam li estis preskaŭ frato lia ce la kortego de sia patro, kiun li elvokis kiel ankaŭ la bonfarojn kiujn *Alfonso VI.ª* ricevis, celante fini militadon, malhonora por la kastiljianoj, kiel terura por la toledaj maŭroj; vane—perdita la espero trafi tiun rezultaton—, li proponis pagi imposton kvankam malhonoriga; la sieĝanto, kiu vidis certa sian kaptajon, ne estis rompanta la rajtojn de la dankemeco por cedi poste pri sia ambicia celo pro la impulsoj de sia koro; kaj, aliparte, volante ciom, li rifuzis la malgrandan parton, kiun proponis al li *Jahia*, kaj rompitaj la interrilatoj, *Alfonso* daŭrigis ĉiudaŭronjare la detruon de la urba kamparo, esperante ke la malsato devigos kapitulaci la fortikajon tiel grava, ne riskante la grandajn perdojn kiujn li estus suferonta, se li perfortatakus ĝin. Dum kvin jaroj, tiel li manovris, kaj jam ŝajnis esti proksima la tago trafi la celon produktitan de lia nedankemo al la antikvaj bonfarantoj.

Ĉe tiu situacio, *Jahia* petis helpon al la maŭraj reĝoj, siaj amikoj kaj parencoj, elmontrante al ili la terurajn ĉarojn, kiujn ili suferos certe pro la almilito de Toledo. Nur la reĝoj de Zaragozo kaj Badaĥozo aŭskultis lin komprenante ke ili estis devigataj sin kunigi kontraŭ la komuna malamiko; sed, *Allah'* sur l' eterna libro de la sorto estis skribinta la humiligon kaj finon de la *Dilnum'j*; la reĝo de Zaragozo mortis antaŭ povi realigi sian decidon, kaj tiu de Badaĥozo ankaŭ mortis venkita de *Alfonso*, kiu surprize sin ĵetis en lin. Tiuj ĉi novajoj finis terurigi la toledanojn.

Sed samtempe, kaj kvazaŭ ensorĉa savonto nekonita, la ĉielo sendis al ili junulon, kiu kuraĝigis ilin. Afrika princo respondis al la senespera alvoko de *Jahia*, *Abul-Walid* venis de trans la markolo, de sia regno, por studi li mem la gravecon de la danĝero kaj neprojn de la helpo, decidita reveni en Afrikon kaj peti al siaj regatoj la necesajn militistarojn por liberigi siajn samreligianojn el Toledo.

Junulo preskaŭ samaĝa kiel *Jahia*, kuraĝa kiel tiu ĉi, kaj ambiciema atingi heroan famon, kiun nur oni atingas ĉe l' batalkampoj, li sin direktis al la maŭra urbo, kiu petegis rapidan helpon, apenaŭ li akceptis la kurierojn de la malfeliĉa filo de *Al-Mamun*. La maŭraj reĝoj, tra kies regnoj li trapasis, akceptis lin gasteme; la popoloj, respekte; la fakiroj benis lian entreprenon, kaj li sekvis trankvile sian vojon revante heroajojn, kiujn konservos la kronikoj famigante lian nomon, kaj kiuj malfermos al li la pordojn de la Paradizo tra kiuj eniras la kuraĝuloj, kiuj mortas batalante por la Is-

lam'. *Jahia* gastigis lin kiel sian liberigonton, same kiel la ŝippereanto kaptas la malfortan lignaĵon, kiun la hazardo metis sub liaj manoj kaj kiu estas por li pli ol la vivo, ĉar ĝi estas la espero, kaj la espero estas pli ol la ekzistado. Kvankam funebre vestita pro la malfeliĉeco, kiu ĝin minacis, la popolo festis je la honoro de la afrika kavaliro, kiu venis trenita nur de siaj kuraĝo kaj boukoreco elpeli el la horizonto tiun terurigan astron aperantan de tempo al tempo tra la vojo. krozantan la kamparojn, bruligantan ĉion, malaperantan poste ĉe la malproksimeco, lasantan doloron kaj detruon kiel sangajn restaĵojn de ĝia pasado. Tagojn poste, pasitaj feste, dum kiuj *Abul-Walid* miris pro tiom da riĉeco anstataŭ la unuformeco de l' dezerto, li sin pretigis foriri al sia afrika regno, jam kalkulitaj la necesaj militistaroj por trafi sian entreprenon.

Sed, malgraŭ siaj grandaj deziroj liberigi Toledon, ĉiam kiam li intencis foriri, alkuris al lia fantazio nigra ombro, tre nigra, sin etendante ĉirkaŭ li, vestante la kamparon kaj la ĉielon el ombraj nuancoj de malĝojo.

Ĉiutage kiam la suno vekis lin, karesante per siaj oraj radioj liajn palpebrojn, li decidis adiaŭi *Jahia'n* por foriri kaj reveni kiel eble plej rapide; sed laŭ la tago antaŭeniris, li sin sentis iom post iom forlasita de siaj fortoj, kaj serĉante pretekstojn, kiuj trompis lin mem, prokrastis la eliron. Okazis ke *Abul* ne estis jam la libera kavaliro, kiu nur pro deziro je famo kaj gloro, forlasis afrikan landon por helpi siajn hispanajn fratojn; la juna reĝo estis ĉe l' komprenanta ekzisti io pli ol famo kaj gloro mondo; okazis ke li vidis ĉe la kortego de *Jahia* lian fratinon, *Sobejha'n* kaj li legis sur ŝiaj okuloj nigraj, kiel la nokto, diajn vortojn nekonitajn de li, kaj li divenis, ke ŝiaj fajraj lipoj, rozvangoj kaj velura haŭto promesis al li plezurojn pli grandajn, ol tiujn kiujn la Profeto metis ĉe la Paradizo. *Abul* neniam estis amanto, li nenion sciis pri l' amo, sed de kiam li vidis *Sobejha'n* ĉio ŝin paroletis al liaj aŭdoj; la pasanta venteto, la ŝprucantaj fontanoj, la birdoj sin balancante sur la la branĉoj de la arboj, ŝin rememorigis kaj prezentis al li; la floroj sin rigardante en la akvoj de la riveretoj ŝin banis per siaj parfumoj. Kaj interne de la brusto de *Abul*, io vaga, io mistera, io nedifinebla sin agitis ankaŭ, elparolante tiu parolon kiu ŝajnis promesi al li senfinajn feliĉecojn kaj ĝuojn; sentante ĉirkaŭ li lipojn serĉantajn sin reciproke; vidante okulojn kies rigardoj iras de unu en alian. Kaj dum tiuj ĉi momentoj,kiam izolita kaj perdita tra la ĝardenoj de la palaco, li elparolis la dolĉan nomon *Sobejha*, kaj ripetante ĝin la eĥo, ŝajnis ke ĝi moduligis kison, ke la spaco bluiĝis pli, ke la atmosfero puriĝis pli kaj pli, kaj ke la naturo estis pli belega.

Sed estis necese foriri; lia honoro trudis tion, la trankvileco de *Sobejha* men ordonis tion; kaj per fortega animklopodo, nokton sin pretigis foriri sekvantan tagon apenaŭ la suno estus montronta sian globon super la montetoj. Kaj volante reiri en sian afrikan landon kunportante almenaŭ esperon, kiu kuraĝigos lin dum la longaj kaj malgajaj horoj kiujn li suferos malproksime de sia amatino, ne rigardante ŝiajn okulojn, pli brilaj ol la suno de lia lando, li deziris havi intervidiĝon kun tiu kiu de la unua momento estis la absoluta mastrino de lia koro. Tiun nokton mem, li sciigis sian decidon al *Jahia*, kiu brakpremis lin korege promesante akompani lin kelkajn horojn tial ke ne estis epoko por reveno de la kristanoj. *Abul* pretekstis laciĝon, kaj sin direktis en siajn ĉambrojn de kie li malsupreniris en la ĝardenon.

Trankvila estis la nokto; la ombroj sin etendis tra ĉie; ĉio silentis. *Abud Walid*, regata de siaj pensoj, sin promenis tra la mola tapiŝo el folioj atendante malfermon de bela fenestro araba tra kiu la parfumoj de la ĝardeno eniris en la misterajn ĉambrojn de *Sobejha*, kaj de kiu ŝi ofte rigardadis la kuradon de l' steloj sekvantaj la lunon tra la spaco. Li atendis de antaŭlonge, kiam li aŭdis apenaŭ aŭdeblan brueton, malgranda fenestro, enkadrigita per belaj arabaj labor-

aĵoj, turniĝis sur siaj ĉarniroj, kaj kiel ĉielan aperon, sin prezentis al la okuloj de *Abul* la eleganta maŭrino, kiu ekkrietis pli pro surprizo, ol pro timo, vidante la kavaliron.

—Nenion timu, princino!—ĝentili diris al ŝi *Abul*—Mi volis vidi vin fojon antaŭ foriri, kaj satigita mia deziro, mi foriros konforma kvankan ne kontenta. Kun via bildo sur la koro kaj kun via nomo sur lipoj, mi iros en mian landon, kaj de nove mi revenos kiel eble plej baldaŭ por liberigi vin de viaj kruelaj malamikoj. Tiam, rompita la silento, kiun la estimo kaj ĝentileco metis sur miaj lipoj, mi povos diri al vi tion kion silentigas tiu respekto. Dum, princino, kiam vi direktos viajn preĝojn al *Allah*, ne forgesu elparoli mian nomo, por ke la dolĉa roso de lia kompato falu en mian lacigotan animon kaj kuraĝigu min esperi.

Kaj ne atendonte respondon de *Sobejha*, kiu aŭskultis lin ruĝigita kaj atente, li malaperis tra la arboj antaŭ ol la araba princino estus rehavinta la trankvilecon perditan pro la amfervoraj paroloj de *Abul*.

Sekvantan tagon, la sklavulinoj de la palaco rakontis ke la princino restadis ĉe la fenestro pli da tempo, ol kutime, kaj ke sur la rozoj, kiujn la ĉizilo de ĉizisto imitis sur la fenestro, oni rimarkis la restaĵojn de larmoj pli puraj, ol la rosgutetoj, kiuj tremetas sur la floroj pro la kiso de la unuaj sunradioj.

*(Daŭrigota)*

---

AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

---

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la Hieroglifo

(ANTAŬ NO MO)

ANTAŬNOMO

Solvo de la Spritludo

TR A E I O U

Sendis la solvon de la Spritludo: S-roj Naranjo (Jerez), Díaz (Tocina) kaj Grupo «Laboro Esperanta» de Villanueva y Geltrú; ambaŭ solvojn, S-ro Jacinto Comella (Vich).

## PROVERBO

501 | DONACI KIEL SIGNON DE ADORO, PENTO, DANKO | HAVANTA EGALAJN ECOJN | 50 a

DANC' IIIA | N N | VEST' | KONTRAŬAĴO METAL' | HAVANTA EGALAJN ECOJN | 50 a

PREPOZICIO 500 GRANDIGO PARTO DE TUTO

## HIEROGLIFO

K

S S S S

S S S S

Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). – Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. I. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

---

A. Tomás Iglesias deziras korespondadi kun hispana samideano, sperta esperantisto, por perfektigi konon de la lingvo. Adreso: Compañía Industrial de Cereales, Apartado, 41.—*Santander*.

---

Aleksandro Mora; strato Serrano, 4, 1.° *Tarrasa* (Barcelona-Hispanio). – Volonte korespondados kun ĉiulandaj gesamideanoj, Ĉiam tuj respondos.

---

La gelernantoj de Portugala Esperantista Asocio Socialista deziras korespondadi esperante kun ĉiulandanoj per I. P. K. Adresu la unuan P. K. al profesoro, S-ro Jozefo Pires Barreira, R. de S. Marcal, 60.—*Lisbono*.

---

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

---

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8, Madrid.—Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56-Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid